AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 23-1-80*

6-a jaro FEBRUARO/MARTO 1951 n-ro 2/3

## 5. Oesterreichischer Esperanto-Kongresz in Innsbruck.

Innsbruck, die Landeshauptstadt von Tirol, in den letzten Jahren als Tagungsort über die Grenzen unseres Landes bekannt geworden, beherbergt in der Zeit vom 28. Juli bis 2. August dieses Jahres den 5. Oesterreichischen Esperanto-Kongresz. Wenn er vielleicht im Schatten des Weltkongresses in München stehen wird, so wird gerade die Alpenstadt Innsbruck der Anziehungspunkt hunderter begeisterter Esperantisten sein, die dann nach den Tagen der Arbeit noch schöne Tage der Erholung in den Tälern auf den Bergen und an den Seen in dem gastlichen Land Tirol verleben werden.

Die Durchführung des Kongresses hat die Ortsgruppe Innsbruck übernommen. Das Kongresz-Komitee, dem der Esperanto-Landesleiter von Tirol und Vorlarlberg Hans Steiner vorsteht, ist schon mitten in den Vorarbeiten; es wird sich bemühen, den Kongresz würdig abzuhalten, und neben den fachlichen Tagungen den Aufenthalt für die Teilnehmer so angenehm wie möglich zu gestalten.

Neben der feierlichen Kongresz-Eröffnung, die am 29. Juli stattfindet, sind vorgesehen: Der Esperanto-Ball "Der Kongresz tanzt", ein Unterhaltungsabend, ein gemeinsamer Theaterbesuch und ein Abschiedsabend "Tirol grüszt", der vor allem Tirol in seinem Brauchtum zeigen wird.

Da mit einer sehr starken Teilnehmerzahl zu rechnen sein wird, wird gebeten, die Anmeldungen raschmög-

lichst an das Kongresz-Komitee ergehen zu lassen. Die Anmeldungsformulare gehen im Februar allen Mitgliedern und Ortsgruppen zu. Der Kongresz-Beitrag beträgt bis 30. April 20 Schilling, Nachmeldung 25 Schilling, Teilnehmergebühr für Familienangehörige 15 Schilling. Alle Zuschriften sind zu richten an "Oesterreichischer Esperanto-Kongresz 1951" Innsbruck, Postfach 251.

Der 5. Oesterreichische Esperanto-Kongresz in Innsbruck soll erkennen lassen, dasz die weltverbindende Idee des Esperanto keine Phrase ist, er soll allen Freunden zeigen, dasz es trotz der Wirrnis der Zeit aufwärts geht und für die Indifferenten und Abseitsstehenden den Beweis erbringen, dasz die Welthilfssprache Esperanto ihre Gültigkeit für die Völkerverständigung und für den Völkerfrieden hat.

R.H.H.

KOMUNIKOJ DE LA CENTRO

R e s p e k t p l e n a n b o n d e z i r o n
al samideano kortega konsilisto d-ro Franz W o l l - m a n n , kiu la 12an de februaro 1951 atingis sian 80an vivojaron. Nian dankon kaj honoron al li pro liaj eminentaj servoj por la aŭstria Esperantomovado!

K o r a n g r a t u l o n
al nia kara samideanino M a r i e L o i b e l okaze de sia 50jariĝo! Kaj sinceran dankon ankaŭ al si pro sia oferema sindediĉo por la prospero de nia AEF

Same koran gratulon al la meritplena, malnova Esperantopioniro en Stirio, s-ano d-ro Adolf H a l b e d l, kiu nun havas sian 40jaran jubileon de Esperantisteco.

LA ESTRARO DE AEF.

Adresaro de la E-landestroj de Aŭstrio: Burgenland: prof. Hans Bauer, Eisenstadt, Hartlsteig; Karintio: dir. Franz Watzinger, Villach, Knabenhauptschule; Malsupra Aŭstrio: Johann Schwarz, Felixdorf, Bräunlichg.12; Supra Aŭstrio: Karl Nigl, Linz, Prinz Eugenstr. 11; Salzburg:

dir. Franz Fötinger, Salzburg, Kaserneng. 5; Stirio: dro Adolf Halbedl, Knittelfeld, Schmittg. 15; Tirolo kaj Vorarlberg: Hans Steiner, Wörgl, Augasse 42; Vieno: Emil Vekal, per adreso Vieno I., Neutorgasse 9.

Esperanto en Radio Aŭstrio. Radio Vieno I ĉiun merkredon je 22.35 dum 5 minutoj informoj; Vieno II ĉiun duan ĵaŭdon (22.2., 8.3. ktp) je 18.10 dum 15 minutoj diversaj temoj. Radio Graz ĉiun merkredon je 15.3) h. E-aktivistoj! Skribu al radiostacioj dankpoŝtkartojn! La reagado de la publiko por la daŭrado de la E-sendoj estas absolute necesa. Verku ankaŭ paroladojn pri interesaj temoj el la liglandoj (daŭro 15 minutoj) kaj sendu la tekstojn kun la germanlingva traduko (originalaj kaj 3 kopioj) al la E-Centro. Via artikolo estos legata en la radio kaj vi estos ĝustatempe informata pri la dato.

* Apelo al la aŭstria samideanaro. Konforme al la situacio de nia movado, klarigita en AER 1/51, la estraro de AEF diraktas al la membraro la apelon, ĝis definitiva decido dum la nunjara Aŭstria E-kongreso altigi ne-devige sed libervole la kotizon al A E F per 5 0 g je S 1.50 pomonate. Tiu sumeto, relative malalta por la unuopa membro, eminente helpos al la movado. Anticipan dankon al ĉiuj gesamideanoj, kiuj agos laŭ nia alvoko! Ili per tio helpos ekvilibri la Buĝeton dum la nuna maloportŭna tempo.

LA ESTRARO DE AEF.

Asocia membreco de UEA. Ĉiu AEF-ano povas membrigi kiel asocia membro al Universala E-Asocio. La kotizo estas pojare S 1.40. La grupoj enkasigu ĝin kaj sendu ĝin kolektive al la Esperanto-Centro.

UEA. AEF elektis s-anon magistron Franz Höfert, Vieno 14., Penzingerstr. 121, kiel aŭstrian komitatanon de UEA.

D-ro TADROS MEGALI venos al Aŭstrio. La konata egipta s-ano-propagandisto estas preta, fari ankaŭ en nia lando lumbild-paroladojn kun prezentado de arabaj

kaj egiptaj kantoj per gramafondiskoj pri sia hejmlando (Egiptio, lando de piramidoj kaj faraonoj). D-ro Megalli parolos en Esperanto kaj krome en lingvoj franca kaj angla. La estraro de AEF alvokas ĉiujn grupojn kaj E-aktivistojn, por ke ili uzu tiun ĉi unikan okazon por propagando. Preparu la aranĝojn, tuj intertraktante kun lernejoj, popolklerigaj institutoj, kulturorganizoj ktp. La koncernata tempo estas aprilo kaj majo. Necesas zorgi pri gastigo de la s-ano dum 1 aŭ 2 tagoj (eventuale pli longe, se pluraj paroladoj okazos) kaj fine pri la veturprezo al la posta loko en Aŭstrio, kie d-ro Megalli daŭrigos la prelegadojn. Bonvolu tuj do ekagi kaj informi sen prokrasto la E-Centron kaj s-anon Hans Steiner, Wörgl, Augasse 42, Tirolo, pri viaj projektoj. La egipto komencos sian vojaĝon en Tirolo kaj de tie veturos al Salzburg, Supra Aŭstrio ktp., laŭ la programo, kompilebla post la ricevo de viaj proponoj.

La Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno I., Hofburg, Bathyanistiege, Michaelerplatz, estas vizitebla lunde, merkrede kaj vendrede de la 9a - 17a h.

VIENO: Dum la ZAMENHOF-FESTO de la Viena Esperantistaro, kiu okazis la 16.12.50 en la festsalonego de la poŝta ĝeneraldirekcio, s-ano afergv. de AEF, R. Cech, malfermis la vesperon kaj dankis al la gastiganto, la ĝen. dir. de la posto, s-ano d-ro Dworschak. Li legis leteron de la prezidanto de AEF, s-ano eksministro d-ro Frenzel, en kiu tiu esprimis la deziron, ke la festo fariĝu bela, kaj transdonis al la s-anaro siajn korajn bondezirojn por la festotagoj. Post poemo "D-ro Zamenhof", prezentita de s-ano Cech, d-ro Dworschak esprimis siajn ĝojojn, ke li povas saluti la samideanojn en la tradiciaj ejoj de la poŝta direkcio kaj ke tiamaniere li povas fari servon al la Viena movado. Li deziris plej bonan okazon de la festo kaj adresis bonajn festtagajn salutojn al la geesperantistoj. En la nomo de la AEF-estraro alparolis s-ano G. Loibel, kiu inter alio diris, ke ni E-istoj laŭdas la Majstron pro lia verko kaj la ideo, kiun li por la bono de la homaro ligis al ĝi. La juna lernejanino s-anino Spitzmüller prezentis la poemon de Zamenhof "Ho mia kor" kaj la poemon "Al la homaro" de s-ano Zink.

Nun venis la granda parolado de s-ano d-ro Sirk pri la temo "Zamenhof kaj la Homaranismo". La vere bone preparita parolado montris surbaze de historiaj dokumentoj la evoluon de la Zamenhofa penso. Zamenhof konsideris la lingvon "neŭtrale homan" ne kiel celon, sed kiel rimedon kaj rigardis kiel gvidan etikon de la homo la senton de la koro: la konsciencon, konforme al la sentenco "agu liel vi deziras, ke oni agu al vi".

Post du kantoj "Guten Abend, gut Nacht" kaj "Caro mio ben", kiujn prezentis du ĉarmaj Esperanto-amikinoj, s-ano E. Vokal deklamis la poemon "La preĝo sub la verda standardo". S-ano Werner voĉlegis la poemon "Pluvo" kaj sekve s-ano Vokal direktis kuraĝigajn vortojn al la kunvenintoj. "Ni rigardu antaŭen! Ni obstine fosu nian sulkon!" Aliĝante al liaj instigoj, s-ano Cech revue parolis ankoraŭ pri la laboro, farita dum 1950 kaj donis koncizajn direktivojn por la nova jaro. Li fermis la feston per la bondeziroj por ĉiuj samcelanoj.

La Viena Esperanto-Tago. Aldone al la raporto en AER n-ro 11/12 ni povas komuniki, ke s-ano Bouché kun sia mandolina kvarteto kunhelpis plibeligi la vesperan programon. (La redakcio).

NEKROLOGO. La 23.11.50 mortis s-anino Adolfine Kolarik, 77jara, membro de la grupo "Verda Stelo". La fervora, malnova E-istino kiel idealistino, kvankam pro malsano ne povante forlasi la loĝejon, subtenis la E-movadon morale kaj finance. Ŝi havis multajn geamikojn en kaj ekster la lando. Ŝi ripozu en paco kaj nia memoro!

Hugo Braun, estro de VSt.

En la januara n-ro de "Der öffentliche Angestellte" aperis longa artikolo pri E. de s-ano Jungschaffer.

KOMUNIKOJ DE LA VIENA ESPERANTO-DELEGITARO

Kunvenoj de VED. La grupestroj nepre zorgu, ke iliaj grupoj estos reprezentataj de 2 s-anoj. La Viena E-landorganizo ne povas labori, se la grupestroj bagateligas la monatan kunvenon. - Informilo de VED. La grupestroj konigu la enhavon de la informilo dum la grupvespero kaj diskutu ĝin kun la membroj. La grupaj delegitoj nepre raportu pri la monata kunveno! - Kotizo. Por garantii normalan kotizadon bv. aranĝi kiel pluraj grupoj jam ag=

as: Liveru la kotizon por VED samtempe kun la AEF-kotizo al la E-Centro. Membrolistoj. Se vi tion ankoraŭ ne faris, transdonu tuj liston de la membraro kun indikoj pri la membrecoj (ordinara, familiano, subtenanto, gasto, senlabora), por ke VED kaj la E-Centro povu konstati la efektivan membrostaton.

La E-SOCIETO "DANUBIO" sciigas, ke ekde la 19a de marto ĝi kunvenas ĉiun 1an kaj 3an lundon en la monato en restoracio Zboril, 7., Sigmundgasse 14 (18.30 h).

MALSUPRA AŬSTRIO: Laŭ poŝtkarto, ricevita de E-Centro mortis en Aspang, 90jara, s-ano Ignaz Fenz. Karan memoron al tiu kunbatalinto por nia afero!

ATENTU!!!
N O V A  I N T E R N A C I A  F E R I A
E S P E R A N T O - H E J M O
en Reichenau ĉe RAX-MONTO, MASUPRA AUSTRIO.

S-ano Johann Hubalek el Reichenau sendas al ni jenan anoncon, kiun ni kun granda ĝojo jene komunikas: "La impona impreso, kiun mi havis dum mia restado en la Feria Esperanto-Hejmo "FRARARO" ĉe la afabla familio HILKERSBERGER, Landeck, Tirolo, devigas min, imiti malgrandstile la samon en nia belega regiono de Malsupra Aŭstrio.

E s p e r a n t i s t a r o  t u t m o n d a ! Mia hejmo estu je via dispono por gastigado aŭ por dumnokta restado! V e n u  k a j  v i z i t u  n i a n  b e l e g a n  k u r a c l o k o n  R E I C H E N A U , kiu dum la vintro estas elirloko al la fama Rax-monto (2.009 m) tra la valo de la Schwarza-rivero, de kie kablofervojo kondukas al la altebenaĵo, kaj tra la romantika Höllental ; de Reichenau oni supreniras al Schneeberg-monto (2.075 m) (dentrada fervojo), al Kreuzberg kaj Semmering (montoj) kaj al multaj ŝirmkabanoj kun grandiozaj skiglitejoj. La urbeto estas atingebla de la sudfervoja stacidomo Payerbach-Reichenau per poŝta aŭtobuso (haltejo Reichenau, Erlangerplatz)aŭ per loka elektra fervojo, stacio Reichenau.

Koran bonvenon al ĉiu Esperantisto!

Pro informoj pri la Feria Esperanto-Hejmo en Reichenau bonvolu turni vin al:
JOHANN HUBALEK, REICHENAU a.d. RAX, Maria Theresienstr.10, Niederösterreich - Aŭstrio.

* * *

SUPRA AŬSTRIO: Ĝojiga vivsigno el Steyr! Ĉerpante el raporta letero de la E-klubo VERDA STELO, ni kun plezuro povas prezenti al vi jenajn komunikojn: "... La tutan jaron ni kunvenis regule en la ĉeflernejo sur Handel-Mazzetti-Promenade respektive dum la feria tempo en Schloszpark. En aprilo 1950 okazis en nia urbo renkonto de Supra-Aŭstriaj gesamideanoj. Partoprenis 18 eksterurbaj ges-anoj el Linz, Wels, Oftering, Losenstein kaj Gmunden. Ni havis 23 aktivajn membrojn, unu ni gajnis - s-anon mag. G. Teltschik, Losenstein, 2 ni perdis. Unu estis forrabata de ni de la morto: s-ano Anton Forcher, kiu dum la lastaj du jaroj estis unu el la plej fidelaj kaj agemaj membroj. Pro siaj mondvojaĝoj li estis sperta lingvisto kaj ankaŭ bona esperantisto. Dum la lasta jaro li estis ĝis sia morto je la 13a de decembro vicestro de nia klubo. Por ĉi lia foriro estas granda perdo kaj ni tenos lin ĉiam en bona memoro. Li ripozu en paco!

La 19. 9. pj. s-ano V. Lang ekgvidis E-kurson laŭ rekta metodo kun 14 gelernantoj. Menciinde estas, ke ĝis nun eĉ ne unu el la kursanoj malfideliĝis. Ni certe esperas, ke tiu kurso, kiun ankaŭ partoprenas la filo de s-ano Forcher, alfluigos novan sangon en nian grupon. Malgraŭ diversaj malfaciloj ni povas rigardi en la futuron kun espero kaj kuraĝo! Elkorajn bondezirojn al ĉiuj AEF-anoj por la Nova Jaro! Hans Zeller, sekretario."

## F o n d o de
## AŬSTRIA ESPERANTO - JUNULARO (AEJ)

Ni dum la lastaj monatoj sukcesis fondi tutaŭstrian fakorganizon en la kadro de AEF. Ĝis nun membriĝis 77 gejunuloj el Aŭstrio (Salzburg: 26, Stirio: 22, Vieno: 21 kaj Tirolo: 8). Kiel longjara gvidanto de la junularaj aferoj s-ano Alois Hilkersberger estis elektata honora prezidanto. Ĝis la venanta AE-Kongreso la skribe elekt=

ita estraro konsistas el: prez. L. Bartek (Vieno), vic-prez. A. Podrepschek (Graz) kaj H. Reiter (Salzburg), afergv. H. Schalk (Vieno), vicafergv. H. Illetschko (V.), kasistino: I. Michalicka (V.), kontr. Stöckl (Tirolo), red. de "DISTRO" H. März (V.), prot. O. Weber (Salzburg).

En la regularo de la fakgrupo estas decidite, aranĝi jaran ĝeneralkunvenon dum la AE-kongreso. Al AEJ povas aliĝi ĉiuj gejunuloj ĝis la aĝo de 30 jaroj, egale, ĉu la aliĝanto estas membro de AEF aŭ ne.

G e j u n u l o j ! m e m b r i ĝ u a l A E J !
Anoncu vin en la Esperanto-Centro, Vieno I., Neutorg. 9!

TIROLO: Esperanto en la Instruista Seminario de Innsbruck

S-ano AEF-landestro H. Steiner gvidas elementan E-kurson por 20 seminarianinoj. La kurso estas senpaga kaj s-ano Steiner ĉiuvendrede post sia deĵoro en la financkaso trajnas de Kufstein al Innsbruck kaj poste returne al Wörgl. Post tiu unua kurso okazos nova kurso por studentoj. La E-instruado en la Instruista Seminario estas projektita kiel kontinua instalo. La direktoro certigis, ke ekde la instrujaro 1951/52 oni speciale varbos por kurso en la du unuaj klasoj. La enkonduko de nia lingvo en la seminario estas tre signifa, ĉar tiu enkonduko okazis u n u a f o j e en Aŭstrio. Jen nova sukceso de nia brava s-ano H. Steiner, por kiu li meritas denove nian dankon! S-ano Steiner rekomendus al la s-anoj el Aŭstrio kaj eksterlando, skribi mallongan dankan aprobon al "Herrn Direktor der Lehrerbildungsanstalt in Innsbruck, Tirol, Aŭstrio". La skribaĵoj estu en germana, franca aŭ angla lingvoj kaj enhavu nepre ankaŭ mencion pri danko al prof. d-ro Baldauf, kies helpo kaj varbado ebligis tiun belan sukceson.

Esperanto en la popollernejo de Kirchbichl. S-ano instruisto Josef Erlacher gvidas kurson por 47 geknaboj. Ĉar la instruado estas fakultativa, s-ro Erlacher, por atingi maksimumon da konstanta partopreno, subskribigis la gepatrojn je deklaro de li verkita, kiu inter alio enhavas jenan tekston: "... La E-instruado nur tiam povas atingi sian celon, kiam per siaj gepatroj la infanoj sin devigas, viziti la E-instruadon en la instrujaro 1950/51 kiel instrufakon devigan. Tio signifas, ke ili

devas sin senkulpigi per skriba atesto de la gepatroj,se ili ne povas veni, kaj devas toleri punon en kazo de ne= motivebla forresto de la leciono. Krome ili devigas sin, fari malgrandan hejman ekzerclaboron. ... Mi deklaras, ke mi konsentas la suprajn kondiĉojn (subskribo de la gepatroj)."

Esperanto en la metia lernejo por metallaboristoj de Innsbruck. S-ano d-ro Anton Karner gvidas kurson al la elito de tiu lernejo. Krome li gvidas kurson enla popola altlernejo de Innsbruck. Kiel fervora adepto de la Zamen= hofa movado d-ro Karner estas, montras la fakto, ke li faras lakursojn malgraŭ ke li post la instruado nur ven= as hejmen post noktmezo, ĉar li loĝas en Stams, Supra Inn= valo. - Krom la menciitaj okazas E-kursoj en jenaj lokoj: Innsbruck, grupo (d-ro Rumesch); Solbad Hall: ofic. kons. Karl Koller; Wörgl kaj Kufstein: popola altlernejo (Hans Steiner).

Esperanto en la popollernejo de Brixen i.T. Lernej= estro ĉefinstruisto Fritz Mühlbacher komunikis, ke li denove gvidas en sia lernejo kurson por 25 gelernantoj. La fervoro de la gelernantoj estas granda. S-ano Mühlba= cher enkondukis pasintjare en sia lernejo la E-instruad= on kaj instigis ne nur geknabojn al la lernado,sed ankaŭ la aliajn instruistinojn, inter kiuj jam du estas fervo= raj esperantistinoj.

Nova delegito de la Aŭstria E-Servo anoncis sin el la montara vilaĝo TOBADILL ĉe Pians (Supra Inn-valo): s-ano Otto Adrian de Choibert, paroĥestro kaj ĉefskolestro de okcidenta Tirolo. - Du paĝojn pri Esperanto kontinue aperigas la monata gazeto "Cosmopolit" (redakcio: Imst, Tirolo). Aperas informoj kaj elementa kurso(germanlingve). La ŝtataj E-ekzamenoj en Innsbruck, kiuj okazis novembre donis jenan rezulton: S-anoj A. Hilkersberger, Landeck, H. Richter, Innsbruck kaj Otto Steiner, Wattens, faris la ekzamenon "kun bona sukceso". S-ano Martin Stöckl el Innsbruck ricevis la kvalifikon "kun distingo". Al ĉiuj ekzamenitoj ni kore gratulas! (red.) -Novaj tabuloj de la Aŭstria E-Servo en tirolaj stacidomoj estis fiksataj de s-ano H. Steiner en Kirchbichl kaj Wörgl. - Dum la Za= menhofa festo en Innsbruck d-ro Leo Blaas, prezidanto de la E-grupo, faris la festparoladon. Li montris la vivon

kaj la agadon de Zamnehof kaj ebligis al la ĉeestintoj enrigardon en ties genian kreaĵon. Per entuziasmigaj vortoj li pentris lumantan karakterbildon de la majstro. Okaze de la festo estis transdonataj honordiplomoj al la honormembroj, s-roj d-ro A. Karner kaj M. Stöckl. - Nia nelaciĝanta s-ano klubestro Koller arangis Zamenhoffeston en Solbad Hall kun prelego, deklamo, parolado kaj kantoj. Inter la festantoj ankaŭ estis E-amikoj.

STIRIO: Geedziĝo: S-ano Alois P o s t l , konata ankaŭ kiel fervora Esperantisto en Vieno, kiu nun loĝas en Döllach ĉe Aflenz, antaŭ nelonge edzigis. Al li kaj lia juna edzino koran gratulon! -Vigla kursado en Stirio! GRAZ: Radio (prof. Hainschegg), merkrede, 15'30 h.; Volkshochschule (s-ano Minauf), daŭrigo, merkrede; universitato, daŭrigo, ĵaŭde, 18 h; teknika altlernejo, vendrede, 18 h (ambaŭ kursoj gvidataj de prof. Hainschegg); OTTENDORF ĉe Gleisdorf: s-anino Johanna Konrad, instruistino en O., instruas parton de siaj lernantoj en E.; HARTMANNSDORF ĉe Gleisdorf: ĉefinstruisto Erwin Schrotter instruas 30 lernantojn en E.. - KNITTELFELD: Petite de distrikta instruinspektoro kaj vicurbestro Max Dienes, s-ano AEF-landestro d-ro Halbedl faris en la kadro de la Pedagogia Instituto, filio Knittelfeld, paroladon pri "Esperanto en la lernejon", kiu de la 100 ĉeestintaj instrupersonoj estis pozitive akceptata.

"Ni veturos al Innsbruck kaj München!" Jen la devizo de areto da Graz-aj E-istoj, kiuj decidis bicikli al la aŭstria kaj universala E-kongresoj, traveturante la plej belan regionon de nia hejmlando kaj la faman Supran Bavarion. Kiu deziras partopreni tiun vojaĝon, tiu nepre tuj anoncu sin ĉe Landesleitung Steiermark des ÖEV en Graz, Sackstr. 16/I! Jen vere belega ferioprogramo por la somero 1951! Kiel komenco de la biciklovojaĝo estas projektita sabato, la 21a de julio, kaj kiel finon oni antaŭvidas la 19an de aŭgusto. -La kunvenoj de la Graz-a E-societo UNUECO okazas nun vendrede (19-22 h) en Winterbierhaus, Bürgerg. 14; la junula grupo renkontiĝas marde en Schülerheim, Kircheng. 1.

La stiria E-movado en januaro 1951 perdis fidelan samideanon: ĝi funebras la forpason de Rudolf Calisto el Graz. Pacon al lia animo, ni kore memoros lin!

SALZBURG: Pri granda sukceso en Salzburg raportas komu= niko de la AEF-landestro Franz Fötinger. La Komerca Akademio de Salzburg laŭ la iniciato de profeso= ro Hanns S a p p l enkondukis fakultativan E-instruad= on. Por la unuaj kursoj anoncis sin 92 studentoj. S-ano prof. Sappl, kiun ni volas danki pri lia sukcesa entre= preno, skribis, ke li devis ĉesigi la varbadon,ĉar li ne povas gvidi plurajn kursojn samtempe.

Lernejestro H. Fötinger mem gvidas 3 kursojn en Salzburg kaj unu en Oberndorf. - Fondo de nova grupo ok= azis en HALLEIN.

VORARLBERG: Laŭ sciigo de s-ano Anton Seiwald, Bregenz, Sägerg.12, la Laborista Ĉambro en Feldkirch subtenas Esperanton per arango de E-kurso en Bregenz. La kurson gvidas la konata radio- kaj artkantisto Heinrich Lorenz (artista nomo: Lorenz Oktavius), kiu en majo est= is ekzamenata kun sukceso kiel profesia artisto, - nome: "voĉfenomeno". Fine de la pasinta jaro li kantis en Ra= dio-Dornbirn kantojn en Esperanto.

Nova delegito de la Aŭstria E-Servo en Bregenz. La instruisto kaj estro de la oficejo pri lumbildoj ĉe la Landregistaro de Vorarlberg, s-ano Walter Gnaiger, Bre= genz, Montfortstr. 12, bonvolis transpreni la oficon de delegito de AES

## P A N T E O N O
de la Esperanto-movado.

Por soleni kaj honori la memoron de la Esperanto-pioniroj la prezidantaro de la INTERNACIA ESPERAN= TO-MUZEO, Vieno I.,Hofburg, Bathyanistiege (Micha= elerplatz), starigas en la ĉefsalono de la muzeo "Panteonon de la Esperanto-movado" 1), kies solena inaŭguro okazos dimanĉe la 20an de majo 1951,je la 10a horo antaŭtagmeze.

La estraro de AEF invitas la aŭstrian samide= anaron multnombre ĉeesti tiun ĉi solenaĵon! Ĝi ar= anĝos tiuokaze AŬSTRIAN ESPERANTO-TAGON kun Inter= kona Vespero (19.5.) kaj katolika Diservo, labor=

kunsido de AEF kaj ekskurso. Detala programo sek=
vos. Ekster-Vienaj ges-anoj,bonvolu tuj anonci vi=
an partoprenon al la E-Centro pro preparo de nokt=
restejo ĉe Vienaj ges-anoj!

[1])en senco de galerio de meritplenaj eminentuloj.

KATOLIKA ESPERANTISTA VIVO

AKLE-Vieno. Leteradreso: W. Mudrak, Vieno III., Be=
atrixg. 19/9. Kunvenoj la 2an kaj 4an mardon de la mona=
to en I. Graben 13/II/25 (Kreuzbundheim) (17-19 h). Ĉiun
mardon 19-20'15 kurso por komencantoj.

Grupo ESTONTECO, Salzburg, adreso:Domvikar J. Kaps,
Salzburg-Parsch, Gaisbergstr. 7.

Liglandaj sekretarioj: Stirio - d-ro A. Halbedl en
Knittelfeld, Schmittg. 15; Karintio - Franz Casar, Kla=
genfurt, Brunnplatz 3.

Aranĝoj en Vieno: posttagmeza Diservo la 17.12.1950,
signifa prediko de pastro komandoro P.G.Plank; 12.12.50:
adventmedito. - Kristnasko-festeto la 27.12.50, samtempe
esprimo de sindonaj bondeziroj al ĉefepiskopo kardinalo
d-ro Th. Innitzer, la granda favoranto de Esperanto, je
lia 75a naskiĝtago. - 13.1.51: s-ano Gasperini pri la E-
literaturo; raporto de s-ino A. Crignis pri sia Rom-res=
tado dum Kristnasko. 23.1.: kunesto sub devizo "Vera Ga=
jeco" kun scena ludo "Mia Infaneto" (s-ino Wildner,f-ino
Toscani), kantoj de s-anino Toscani; kontribuis plue ge=
s-anoj Gasperini, Wiesinger, Kaes kaj Ryba. 13.2.: paro=
lado de s-anino L. Ziwutschka laŭ persona renkonto kaj
sciiĝo pri Edeltraud F u l d a , antaŭ ne longe mirakle
sanigita en Lourdes. - Vizitis la grupon karaj gastoj:
prof. d-ro Peter Hohenwarter, Klagenfurt kaj d-ro Edgar
Geramb, paroĥestro, Ferlach, Karintio. - Raportis pri la
IKUE-kongreso en Romo detale "Klerusblatt", Salzburg.

La 27an de marto okazos Paskosoleno.

La 23a Internacia Kongreso de katolikaj Esperantis=
toj okazos dum la 36a Universala Kongreso de Esperanto
en München (4.-11.8.); adreso: Pastro Ludwig Thalmaier -
(13b) Bad Kohlgrub, Germanio. Kotizo por Aŭstrio prov.
S 15'50, pagebla al W. Mudrak (supra adreso, respektive
poŝtŝparkasa konto 105.713.)Pri pago farita informu pas=

tron Thalmaier, aliĝante. Detaloj sekvos.

La abono de ESPERO KATOLIKA kostas S 30.-- por la jaro 1951, same pageblaj.

W.M.

## NATURAMIKA FAKGRUPO

La Naturamika Asocio havas fakrefarantojn en ĉiuj landoj. La kotizmarko de la jaro 1951 estas surpresita per "La Naturamikoj" en ĉiuj landoj,kie estas naturamika movado. La centra estraro en Zürich donis subvencion por la eldono de la E-revuo "La Migranto". En la komunikilo de la Natruamikoj konstante aperas artikoloj en kaj pri nia lingvo. En marto 1951 okazos internacia ski-restado por geesperantistoj en la regiono de Hochkönig (vidu AEF n-ro 1/51, p. 7). M. Finkenzeller.

## * * * KOMUNIKOJ DE LA ESPERANTO-CENTRO * * *

Donacoj por la Propagandofonduso: Junulara grupo S 25.-, grupo "Suno" S 100.-; grupo "Harmonio" S 20.-; s-ano H. Bauer S 60.-; s-ano Gasperini S 50.-; s-ano Sinner S 10; s-ano Mikunda S 10.-; s-anino Jaksch S 10.-, s-ano Berdan S 5.-; entute S 290.-.
Donacoj por hejtado de la Centro: grupo Laboro S 20.-; grupo Harmonio S 20.-; s-anino Feichtinger S 50.-, s-ino Ziwutschka S 5.-; s-anino Cakl S 5.-; s-ano Jeitler S 5; entute S 105.-.
Donacoj por rekonstruo de la Esperanto-Centro: grupo Laboro S 10.-; s-ano Werner S 90.-; s-ano Bauer S 35.-; s-ano Androsch S 3'50; grupo Harmonio S 50.-; Instruista fakgrupo S 100.-; grupo Linz S 100.-; landorganizo Supra Aŭstrio S 200.-; grupo Bregenz S 25.-; grupo Konkordo S. 30.-; AKLE S 40.-; Centro S 5.-; nenomata S 50.-; s-ino Ziwutschka S 20.-; entute S 758'50.
Kromkotizo de 50g po membro kaj monato pagis: la grupoj Konkordo S60.-; Graz S 33.-; Verda Stelo S 15.-.
K O R A N D A N K O N A L Ĉ I U J D O N I N T O J!

La INSTRUISTA SEKCIO DE AEF ricevis de la Federacia Ministerio por Instruado subvencion de 1.000 ŝilingoj.

E-societo Harmonio, XV., Markgraf Rüdigerstr.4, komunikas: Vendrede, la 6.4.51, s-anino Mathilde KINDL faros LUMBILDPAROLADON PRI PARIZO. Ĉiuĵaŭde okazas kurso por progresantoj (19-21 h), kiun gvidas s-ano dir. Menacher. Gastoj bonvenaj! E. V.

K o r e s p o n d o

AŬSTRIO: Por miaj ĉarmaj kursaninoj mi serĉas korespondantojn. Ili estas studentinoj de instruista seminario kaj estas 15-18jaraj. Bv. skribi are al la kursestro: Hans Steiner, Augasse 42, Worgl, Tirolo.

Mi tre ŝatus korespondi kun sovetianoj. Mi dankus al tiu kore, kiu povus al mi sciigi adresojn. Ludwig Polatschek, Eyerspergring 4, Wr. Neustadt.

NEDERLANDO: Deziras korespondi kun geaŭstrianoj: J.Algera, Beethovenstraat 15, Zaandam, lernejestro pri instruado. J.C. Schagen, Harenmakersstraat 39, Zaandam, oficistino pri ĉiuj temoj. M. van Zoest-Jongerling, Burg. ter Laanstraat 4,Zaandam, sinjorino pri ĉiuj temoj. A.J. Oltmans, Noordeinde 63, Wormerveer, servisto priminindustrio. A. van Dam, Kokspad 14,Zaandam, masonisto pri ĉiuj temoj. H.de Cock-Tromp, J.van Goyehkade 6, Zaandam, sinjorino,pri ĉiuj temoj. M. H. Pelicaan van Herwaarden, Riouwstraat 41, Wormerveer, sinjorino, pri ĉiuj temoj. D. de Ruiter, A.v. Scheltemapl. 28, Zaandam, kontrolisto pri ĉiuj temoj.

LITERATURA PARTO

Marie von Ebner-Eschenbach:

L a v e n k i n t i n o .

Iam estiĝis grandega, vere titana batalado . Ĉiuj Virtoj kaj Malvirtoj luktis la unuj kontraŭ la aliaj je risko de la vivo. Teruraj vundoj ekfendiĝis, la sango fluis riversimile. Perfido kaj Malico estis superintaj la Justecon kaj paralizintaj ĝian brakon. Disŝirita per la dentoj kaj ungegoj de la Malamo, mortis la Amo, la

Grandanimeco stertoris sub la sufokantaj manoj de la Avideco. Multaj Virtoj spertis perforton je tiu tago, sed ankaŭ multaj Malvirtoj havis la senton,esti finvenkitaj.

El la tuta, granda batalintaro nur unu restis netuŝita, estis unu el la Virtoj, estis la Boneco.

Kvankam atakita per ŝtonoj, traborita per la sagoj de la Malamo, centfoje perforte terenĵetita, ĝi ĉiam denove levis sin, nevundebla, nevenkebla kaj ree eniris la furiozan lukton.

Alvenis vespero kaj nokto, la batalado restis negajnita de ĉiu partio, la batalintoj kuŝis elĉerpitaj. Sole la Boneco trapaŝis la batalkampon; vigla kiel ŝprucanta fonto, aminda kiel la matenruĝo, ĝi refreŝigis la suferantojn;kaj en tiu ĉi momento eĉ ĝiaj malamikoj konfesis: La plej forta estas vi!

## La renkonto.

Iun tagon la Vanteco promenadis. Ĝi portis kronon el sapovezikoj sur la kapo kaj sur ĝia purpura vesto pendis multaj orumitaj globoj el vitro; la platajn piedojn ĝi estis metinta en ŝuojn kun grandegaj kalkanumoj kaj ĝi paŝadis sur ili tiel majeste kiel ligna reĝo en pupa komedio. Ĝia larĝa vizaĝo lumis pro memkontenteco; ĝiaj ruĝaj, fingrodikaj lipoj grimacis malestime; el duonfermitaj palpebroj ĝi rigardis ĉirkaŭen, kvazaŭ ekzistus nenio inda je plena rigardo.

Venis renkonte al ĝi iu estaĵo, je kies apero ĝi haltis. Estis estaĵo kun simpla aspekto, kodesta estis ĝia marŝado, ĝia sinteno, ĝia gesto, bela ĝia vizaĝo, sur kiu pentriĝis seriozeco kaj profunde interna paco.

"For de mia vojo!" la Vanteco alkriis ĝin. - "Volonte", respondis la alia ridetante kaj cedis la spacon. Tamen la Vanteco sentis sin ofendita: "Vi ridetas? Kial vi do kuraĝas rideti en mia ĉeesto?" ĝi spiregis kaj furioze ĵetis sin sur la ofendinton.

Tiu ĉi ne defendis sin kontraŭ ĝi, sed staris nur trankvile kaj firme. Sed la Vanteco falis teren kaj ĉiuj ĝiaj sapovezikoj kreviĝis kaj ĉiuj vitraj globoj kuŝis rompitaj - ĝi estis puŝinta sin kontraŭ la Meriton.

Tradukis F. Feichtinger.

Vbb

(Zl. 3216/47)

---

En la Esperanto-eldonejo
" T R A M O N D O "
Vieno I., Neutorgasse 9

aperis jenaj Esperanto-libroj: ŝil.

| | |
|---|---|
| Handwörterbuch Esperanto - Deutsch | 7.-- |
| Deutsch - Esperanto Handwörterbuch, 354 Seiten | 20.-- |
| "Senhalte al la celo", legolibreto de A. Norbert | 3.50 |
| "La mondopaco kiel psikologia problemo" de Hans Thirring, tradukita de Hugo Sirk | 2.-- |
| "Tri majstronoveloj" de Stifter, Storm, Kleist, tradukitaj de E. Pebe. | 3.-- |
| "Freude durch Esperanto", lernolibro de Hugo Steiner | 5.-- |
| Grundsätze des Fremdsprachunterrichtes (AEI) | 6.-- |

Ĉe T R A M O N D O krome estas haveblaj jenaj libroj:

| | |
|---|---|
| Faŭsto I | S 39.-- |
| Leteroj de Zamenhof | S 49.--(po volumo) |
| Leteroj de Lanti | S 20.-- |
| Vivo de Rosa Luxemburg | S 33.-- |
| Plena Vortaro (de SAT) | S 65.-- |
| La nuna stato de l' evoluismo | S 15.-- |

G u t e B ü c h e r bekommt man in jeder Buchhandlung. Warum sollst Du trotzdem a l l e B ü c h e r nur bei T R A M O N D O , Wien I., Neutorgasse 9, Tel.: U 23180, besorgen? Weil Du damit die Esperantobewegung förderst!!

* * * * * * * * * * * *

---

Eigentümer und Herausgeber: Österr. Esperantistenverband. Verlag: "Tramondo". - Verantwortlicher Redakteur: Hugo Kraus, sämtliche: Wien I., Neutorgasse 9 (Tel.: U 23180)
Druck: Hans Likan, Wien VI., Mollardgasse 85a.